6a Jaro No.5 Majo 1954


# BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam


## P O S T K O N G R E S A
### Laŭdo Kritiko Konsilo

Jam finiĝis nia 6a kongreso en bela kaj antikva urbo Verona. Grandegan taskon organizi ĉi tiun okazintaĵon prenis sur sin kelkaj entuziasmaj laborantoj por nia afero. El 14 landoj venis 583 partoprenantoj, kaj ne estas facila tasko kontentigi la dezirojn de ĉiu aparte.

Ni admiras la kuraĝon kun kiu la ĉefa organizanto, nia amiko Seroni, helpate de la juna Gino Corso, plenumis sian taskon.

Ambaŭ amikoj meritas nian varman dankon.

Se ni ĉi sube montras kelkajn aferojn, kiuj bezonas plibonigon, ni nepre ne intencas ataki la laboron de ĉi tiuj amikoj. Estas ja necese ke la venontaj organizantoj profitu la spertojn, sukcesojn kaj ankaŭ la mankojn de antaŭaj kongresoj.

Precipe la propagandan valoron oni ne neglektu. Flagoj kaj tukoj en la kongresurbo mem devas veki la interesiĝon de la urbanoj. Propagandiloj sur ekskursaj sipoj povas atentigi pri nia lingvo Esperanto. *Ni semu kaj semu konstante*. La llej favora kaj utila okazo por tio estas nia kongresa semajno.

Tre oportune por la alvenintoj estis, ke la akceptejo troviĝis en la stacidomo mem. Tiel oni tuj post alveno en Verona ricevis la adreson de hotelo aŭ loĝejo kaj la kongresdokumentojn.

Bonege prizorgitaj estis la kongresinsigno kaj la kongreskarto, sur kiu oni indikis la nomon kaj situon de la tranoktejo.

Apartan mencion meritas la bela kongreslibro kun siaj indikoj pri la ekskursoj kaj aliaj programeroj. Multaj bildoj ĝin ornamas, kaj tre utila estis la aldonita *lernolibro* Esperanto-Itala.

Tre oportune estus se la kongresanoj povus ĝin ricevi unu monaton antaŭ la kongreso, por bone encerbigi al si la diversajn konsilojn kaj avizojn.

Kiel kutime la distraj aranĝoj estis bonege vizitataj. Nenia prezentado ĝenis la liberan babiladon inter geamikoj renkontantaj unuj la aliajn en la interfratiĝa vespero.

Same bone vizitata kiel ĉi tiu aranĝo estis ankaŭ la solena malfermo. La granda salono en Castelvecchio estis plenplena. Delegitoj de la urbo, de la diversaj Fervojaj Administracioj kaj de la Sindikatoj esprimis sian favoron kaj simpation al nia movado.
La direkcia konsilanto de la Aŭstriaj-Federaciaj Fervojoj, Inĝeniero Frischaüf esprimis la grandan simpation de sia direkcio al nia movado jene:

*"La Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj opinias ke internacia lingvo kia Esperanto, ne nur estas rimedo servanta ĝenerale al interkompreniĝo de la popoloj, sed ankaŭ en la fervoja funkciado ebligas pli grandan rapidecon pro la evito de malkoncizaj tradukoj. Krom tio ĝi estas eksterordinare taŭga por la interrilatoj kun la vojaĝantoj. Tial la Aŭstriaj fervojoj ĉiam klopodas subteni la lernadon de Esperanto inter fervojistoj, kaj jam permesis diversajn favorojn al kursoj kaj kluboj.*

*La Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj hodiaŭ povas promesi ke ankaŭ en la estonteco ili laŭeble subtenos la fervojistan esperanto-movadon".*

Prezidanto Stapel en instiga parolado dankis la parolintojn.

Bela atrakcio estis la internacia balo en la libera aero. Bonega muziko invitis al dancado. La tombolo donis bonan profiton al la IFEF-kaso.

Eble la plej bona el ĉiuj antaŭaj estis la internacia kabareda vespero. Plenan laŭdon meritas la programo, prezentita de ne-fakuloj. Bela muziko akompanis la bonegan prezentadon. Ni gratulas la amikojn en Verona pro tiu bona elekto. La spritaj anoncado kaj klarigo antaŭ la diversaj scenoj estis la meritplena laboro de D-ro Bonomi. Cetere ĉi tiu sinjoro kaj la juna Mario Vincentini grave kontribuis al la glata funkciado de multaj aranĝoj.

La ekskurso al Garda Lago kaj la postkongresa al Venezio estis belegaj kaj interesaj. Bedaŭrinde ili havis nenian propagandan valoron.

La komuna manĝado en granda salono estis bone organizita kaj funkciis akurate.

Jen kaj jen aŭdiĝis plendoj pri hoteloj, kies estroj ne deziris plenumi la donitajn promesojn. L.K.K. faris ĉion ajn por kontentigi la plendantojn.

Malpli bone vizitataj ol la distra parto estis niaj laborkunsidoj. Tro multa bruo en la fundo de la salono iom malfaciligis la interkompreniĝon kaj kelkfoje kaŭzis miskomprenon. Estontaj LKK-oj ne okazigu la vendadon de poŝtmarkoj kaj bildkartoj en la kunsida salono. Oni prefere havu salonon por la kunsidoj for de tia merkato.
Nur dum la ferma parolado de prezidanto Stapel konsiderinda nombro da ĉeestantoj montris interesiĝon, tiel ke la kumuna kantado de *La Espero* sonis sufiĉe instige.

Konsideron meritas la sugesto de sekretario Lok: okazigi provirinajn ekskursojn dum la laborkunsidoj.

Venis la tempo iom pli severe kribri la partoprenantojn al niaj kongresoj, por ke la esperantistoj ne dronu en la granda nombro da vojaĝemuloj, kiuj venas nur por sin distri. La afero estas jam pli grava pro tio, ke tiuj lastaj kelkfoje malhelpas la aranĝojn. Ili sentas ja

nenian respondecon por la flua funkciado de la IFEF-aferoj.
Sajnas al ni ne tute ĝuste ke funkciulo, kiu dum la tuta jaro laboras por IFEF, ne havas sidlokon sur la ekskursa boato, dum impertinentulo, kiu parolas eĉ ne unu vorton Esperanto, rezervas por si kaj la edzino sidlokon por la tuta tago.
Estonte oni postulu minimume ke partoprenu nur IFEF-anoj, eventuale kun la familio, kaj ke gastoj parolu esperanton. LKK donu tiurilatajn instrukciojn al la landaj perantoj.

La kunsido de la estraro kaj delegitoj estis instrua kaj fruktedona. La raportoj montris la malfortan flankon en nia movado.
Propagando kaj instruado estis larĝe diskutataj, kiel ankaŭ la rilatoj kun la Administracioj.

Neatanditan ĝojon kaŭzis al ni la kunsido de la Terminara Komitato. Belgio prezentis frazaron por vojaĝantoj, Esperanto-franca-nederlanda, kiu meritas plivastiĝon.
Danio montris la rezultaton de tutjara streĉa laborado: la tradukon en Dana lingvo de la vortaro de Rosher. La bele prizorgita kaj alloga kajero meritas nian respekton.
Francio surtabligis jam pretan kajeron, kaj certigis ke la 5000 promesitaj vortoj baldaŭ aperos. Ni kalkulas pri tio, ke nia deligente laboranta amiko Blondeaux persistas en la laboro ĝis post la distribuo de la diversaj listoj al la diversaj landoj. Tiam la parolo estos al la landaj komitatanoj, kiuj nepre plenume la taskon traduki la esperantajn esprimojn en nacian lingvon, do koncize dirite: kompili terminaron Esperant- nacilingvan.Sendube temporaba, sed ne tro cerbostreĉa laboro, ĉar ili jam povas disponi pri la ekvivalentoj en angla, franca kaj germana lingvoj. Post la finpretigo de tiu parto ni esploru la eblon daŭrigi la tiurilatan laboron.
Pri la fakedukado al junaj fervojistoj la delegitoj interŝanĝis valorajn raportojn. Tiu ĉi unua paŝo sur malfacila vojo al celtrafa interŝanĝo de spertoj estis multpromesa, kvankam ne tute senmanka.
Estontece oni tuŝu en la lekcioj nur la koncizan enhavon de la raportoj.
Elektiĝis komisiono por la esploro de la ebloj al plibonigo de ĉi tiu utila laboro. Ĝi elektos la temon por la sekvonta jaro kaj sufiĉe frue konigos ĝin per nia *Bulteno*.
Entute do ankaŭ la labora parto de la cijara kongreso havis kontentigan rezultaton kaj bone marŝis.
Konklude: ni bone utiligis kaj ĝuis la kongreson en Verona. Ĝiaj organizantoj meritas la dankon de ĉiu kiu profitis la multajn aranĝojn.

Ĝis revido en Zürich!

*De Jong.*

## LA SOLENA MALFERMO

En la plenplena salono de kastelo Vecchio okazis la Solena Malfermo de nia VIa IFEF-kongreso. La grandega salono apenaŭ povis enhavi la 580 kongresanojn el la 14 partoprenantaj landoj kaj la multajn oficialajn reprezentantojn. Kiam la prezidanto de la Itala IFEF-sekcio, D-ro

Zacconi, aperis sur la scenejo antaŭ la laŭtparolilo ĉiuj sidlokoj en la salonego kaj sur la balkono estis jam okupitaj kaj multaj devis sekvi la solenaĵon starante.

Nome de la LKK, la Itala IFEF-sekcio kaj la Italaj gekolegoj D-ro Zacconi bonvenigas kaj salutas la kongresanojn de la 6a kongreso. Nia celo estas batali por la paco kaj montri nian forton al la mondo kaj konstats kun granda ĝojo la konstante pligrandiĝantan kontribuon por tiu nobla celo de la fervojistaj esperantistoj. Al la 6a IFEF-kongreso li deziras tutplenan sukceson.

La muziko ludas la himnon *La Espero* kaj starante ĉiuj ĉeestantoj kunkantas ĝin. Regis profunda kaj solena silento kiam la unua oficiala reprezentanto suriris la scenejon por alparoli la kongreson.

**Prof. Zanuto**, anstataŭanta urbestro de Verona, bonvenigas kaj salutas la kongreson nome de la urbestro, kiu matene tiom afable akceptis la ĉefestraron de IFEF en la urbdomo, krome li esprimas la ĝojon de la urbo VERONA pri la nun okazanta Internacia Kongreso de la fervojistaj esperantistoj. Ke la kongreso estu sukcesplena.

**Inĝeniero Angelini**, ĉefo de la Italaj Fervojoj en Verona, salutas en la nomo de la Fervoja Direkcio Itala la kongreson. Li esprimas sian admiron pri la granda nombro da partoprenantoj el tiom diversaj landoj, kio estas tre klara signo de forto kolektita por realigi sian idealon. Nome de la Itala Fervoja Direkcio li deziras al la kongreso sukceson.

**Prof. Canuto**, Prez. de la Itala Esp.-Federacio (FEI), en ardoplena parolado salutas la kongreson en la nomo de ĉiuj Italaj Esperantistoj. Ni estas feliĉaj, ke grava organizo, kia IFEF, kongresas en Italio. Tia malofta okazantaĵo estas grava por nia propagando ĉar el tio montriĝas ke Esperanto estas vere ideala lingvo. Li deziras plenan sukceson. (Al la legantoj ni petas senkulpigi nin, ke ne eblas enpresigi la tutan paroladon de Prof. Canuto, kiu certe miritas la enpresigon sed la spaco ne permesas tion al ni. La parolado rikoltis tondran aplaŭdadon)

**Dr-o Lang**, reprezentanto de la Germana Federacia Fervojo, salutas nome de la Direkcio la kongreson. La Germana Direkcio atente kaj kun varma simpatio sekvas la evoluadon en la Esperanto-movado kaj deziras al la kongreso en Verona la plej bonan sukceson.

**Inĝeniero Frischauf**, Direkcia Konsilantarano de la Fervoja Administracio en Vieno, salutas la 6an IFEF-kongreson nome de la Aŭstria Fervoja Administracio. La Aŭstria Fervojo regule kaj jam de la komenco apogas vian movadon rilate al kursoj kaj disponigo de ejoj favore al landaj kaj eksterlandaj Esperantistoj, permesis fiksi informtabulojn sur okulfrapaj lokoj en aŭ ekster la stacidomoj. Ankaŭ estontece ni sammaniere apogos vin kaj deziras al via kongreso fruktedonan laboron.

**S-ro Höh**, reprezentanto de la Saarlandaj fervojoj, deziras nome de la Direkcio plenan sukceson al la kongreso. Li ĝojas havi la honoron kiel estro de la plej nova Fervoja Entrepreno en Eŭropo saluti ĉi tiun kongreson kaj deziri al ĝi multajn sukcesojn estontece.

**S-ro Haljmar Ohlsen** salutas la kongreson en la nomo de la Svedaj Ŝtataj Fervojoj. Li tre ĝojas ĉeesti la kongreson ĉar la Fervoja Direkcio atendas raporton montrante per tio sian interesiĝon pri la Esperanto-

movado. Li skizas la longecon de la fervojoj en Svedio, kio malfaciligas la kontakton inter la Esperantistoj sed dankas pro la invito kaj deziras, ke la kongreso estu fruktedona.
**Kolego Kovacic**, Redaktoro de la Sindikata gazeto Fervojista en Aŭstrio, alportas la plej bonajn dezirojn nome de la Aŭstria Fervojista Sindikato. Tiu sindikato estas nia plej solida apogilo en la propagando kaj enpresigis en la poŝkalendaro (1954) la Esperanto-gramatikon por siaj sindikatanoj: *Kion oni devas scii pri Esperanto*. La Aŭstria Fervojista Sindikato deziras al la kongreso la plej bonajn sukcesojn.
Nome de la Sveda Fervojista Sindikato **Kolego Bertil Örtengren** salutas la kongreson. Li ĝojas esti en kongreso, al kiu tiom da fervojistaj Esperantistoj partoprenas kaj deziras al la kongreso fruktedonan laboron.
**S-ro Josef Zink** transdonas la salutojn de la Aŭstria Esperanto-Federacio, kiu baldaŭ festos sian kvindekjaran jubileon. Dezirante al la kongreso plenan sukceson li invitas la ĉeestantojn partopreni la jubileon de la Aŭstria Esperanto-Federacio.
**S-ro J.J. Labordus** kiel reprezentanto de la Nederlanda Transportentrepreno *Van Gend & Loos* dankas pro la invito. Nia entrepreno transportas varojn tra la tuta mondo kaj klare vidas la gravecon de komuna lingvo. Nome de la Direkcio li deziras al la kongreso la plej bonajn rezultatojn por la disvastigado de la lingvo ESPERANTO.
**S-ro Fritz Hartjen** diras, ke la Germana Fervojista Sindikato scias, ke Esperanto estas la plej grava ilo por la paco en la mondo kaj volonte akceptis la inviton por montri al la kongreso sian varman simpation. Li dankas pro la invito kaj deziras al la kongreso brilan sukceson.
**S-ro Otto Walder**, ĉefdelegito de UEA, salutas la kongreson nome de UEA, kiu kun vigla intereso sekvas vian Fakan movadon. Li esprimas la esperon, ke ankaŭ estontece restu intensiva kunlaborado ĉar unueco estas forto. Li deziras al la kongreso plenan sukceson.
**Prof. Cattolie**, Prez. de la Itala Katolika Esperantista Unuiĝo, laŭdas IFEF-on pro ĝia aktiveco kaj esprimas la simpation pri nia movado. Li deziras al la fervojistoj multajn sukcesojn en la grava laboro.
**Kolego Franjo Debiĉ** salutas la kongreson nome de la Jugoslavaj Fervojistaj Esperantistoj kaj esperas, ke la kongreso estu grava instigo por esperantistigi la fervojistojn.
**Kolego Bürger** nome de la Aŭstria IFEF-sekcio salutas la kongreson kaj deziras al ĝi plensukcesan rezultaton.
**Kolego De Bruyne** faras la samon nome de la Belga sekcio. Li voĉlegas salutleteron de la Belga Fervoja Direkcio kaj deziras bonsukceson en la nomo de la Katolika kaj Neŭtrala Sindikatoj.
**S-ro Clifford Parry** transdonas la salutojn de la Brita IFEF-sekcio kaj deziras al la kongreso fruktedonan laboron dum la laborkunsidoj.
**Kolego Thorsted** nome de la Dana IFEF-sekcio salutas la kongreson kun la plej bonaj deziroj por sukcesplena laboro.
**Korpi** kaj 12 kolegoj vojaĝis tri tagojn de Finlando al Verona por partopreni la kongreson, al kiu li deziras la plej bonan sukceson. Longa vojaĝo por bona celo.
**F-ino Lemonnier** salutas la kongreson nome de la Franca sekcio dezirante al ĝi la plej deziratan sukceson.

**S-ro Simon** transdonas la salutojn de la Germana IFEF-sekcio kaj esprimas la esperon, ke ankaŭ ĉi tiu kongreso kontribuu al pli grandskala disvastigado de Esperanto inter la fervojistoj tutmondaj.
**S-ro Zacconi** dezirante al la kongreso grandan sukceson invitas la ĉeestantojn partopreni la Universalan Kongreson venontjare en Bologna.
**Kolego Sonderegger** nome de la Svisa sekcio salutas la kongreson kaj al ĝi li deziras fruktodonan laboron.
**Kolego Schinkel** akcentas la vortojn kaj bondezirojn de la antaŭaj parolintoj nome de la Nederlanda IFEF-sekcio.
**La Prezidanto de IFEF, W. Stapel**, tutkore bonvenigas ĉiujn en Verona. Li dankas la LKK-anojn kaj speciale la kolegojn Ceroni kaj Corso pro la grava kaj giganta laboro farita. Li tamen ankaŭ tutkore dankas la Veronajn Esperantistojn, kiuj tiom grave kunlaboris. Li kore dankas la oficialajn reprezentantojn pro la honoro al nia organizo ĉeesti ĉi tiun solenan malfermon de nia 6a kongreso kaj pro la pruvoj de simpatio kun nia movado. Ni spertis la lojalan kunlaboron de ĉiuj Fervojaj Direkcioj kaj lokaj instancoj en Verona. Sinceran dankon ni ŝuldas al ĉiuj.
Klare montriĝis, ke niaj Direkcioj forte subtenas nin kaj multaj sindikatoj estas al nia movado tre simpatiaj. Kvankam ne ĉiuj instancoj povis akcepti nian inviton, ni konstatas pli grandiĝantan interesiĝon, kio montriĝas el la multaj salutleteroj.

En Norvegio eĉ neesperantistaj inĝenieroj de la Norvegaj Fervojoj helpas laŭpove traduki la terminojn por la Fervoja Terminaro, kiujn la Terminara Komitato sendis al la diverslandaj kunlaborantoj. Preskaŭ senescepte la Fervojaj Direkcioj faciligas al niaj membroj partopreni niajn kongresojn kvankam restas multaj deziroj. La plena kunlaboro de tiu flanko dependos de la fervojistaj Esperantistoj mem kaj la nombro da Esperantistoj ĝenerale.

Nia organizo kreskas konstante kaj kun ĝojo la Prez. bonvenigas la kvar novaliĝintajn landojn, Usono, Saarlando, Portugalio kaj Jugoslavio. Estas ĝojiga fakto, ke kelkaj el niaj membroj ricevis honormedalon de la Landaj Registaroj pro la miritoj al la popoledukado per instruado de Esperanto. Estas i.a. niaj gekolegoj Lemonnier, Retault kaj Poly en Francio kaj Zacconi en Italio.
Venkinte la unuajn malfacilaĵojn IFEF okupas nun indan lokon inter la kulturaj organizoj fervojaj. Ni daŭrigu la laboron por nia paca idealo kaj finfine la venko certe estos al ni.
Nian Sesan mi delkaras malfermita.

*raportis J.LOK.*

La jenaj instancoj au personoj sendis la bondezirojn al nia 6a kongreso:
**Telegramo**: The National Union of Railwaymen en Londono, La Sindikato de Lokomotivistoj en Anglio, La Itala Esperanto-Federacio.
**Salutletero**: La ĝenerala Direkcio de la Svisaj Federaciaj Fervojoj, La ĝenerala Direktoro de la Francaj Fervojoj, La ĝenerala Direktoro de la Italaj Fervojoj, Germana Fervoja Direkcio, La Universitato en Parma, La ĝenerala Sekretario de Fiere Dell'Agricoltura E Cei Cavalli, La Itala Instituto de Esperanto, Il Luestore di Verona, Internacia Transport-

laborista Federacio en Londono, Nacia Fervojista Sindikato en Italio, Nederlanda Sindikato de Transportlaboristoj, Aŭstria Fervojista Sindikato, Redakcio de Heroldo en Scheveningen, Hispana Esperanto-Federacio, Ascocio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando, SAT-peranto en Italio, Inĝeniero Z. Glajno el Polujo, La Aŭstraliaj IFEF-membroj, K. Koster el Nederlando, Hugo Behrndt el Germanio, Ch. Poulain el Parizo.

## KUNVENO DE LA TERMINARA KOMITATO.

De Jong, elektita kiel prezidanto de tiu ĉi kunveno, salutas la komitatanojn. Ĉar S-ro Pape ne plu povas esti la ĝenerala Gvidanto ni bezonas elekti ĉi tie novan gvidanton. S-ro Pape havas nun pli gravan taskon ĉe la fervojoj, kiu postulas tro da tempo. Li faris la pioniran laboron, nun ni devas konkretigi ĝin.
COYAC (Francio) nur anstataŭas S-ron Blondeaux, kiu ne povas ĉeesti ĉi tiun gravan kunvenon. Li ne havas diplomatan malsaonon sed estas gravaj cirkonstancoj, kiuj malebligis al li ĉeesti. Se temas eĉ pri malgranda terminaro, eldono ne estas facila. Blondeaux forsendis jam pli ol 200 leterojn kaj faris la plej gravan laboron. S-ro Lienhardt estas la finkorektanto en Francio. Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj ni ne venas ĉi tien kun malplenaj manoj. La lasta parto de la Terminaro de S-ro Rosher aperos en la jarlibro de UEA en 1955a. Li gratulas la Redaktoron de Jong pro la teknikaj artikoloj en Bulteno.
DE JONG dankas la francajn kolegojn kaj speciale S-ron Blondeaux pro la faritaj laboroj, el kiuj parto estas preta. Estas nun tempo por montri ion konkretan sekve pri la rezultato ni estas tre ĝojaj.
THORSTED. (Danio) En Danio ni jam tradukis la terminaron de Rosher en la Danan lingvon, sed ni faris pli. La plej gravan ni povis traduki el la materialo sendita de S-ro Pape. Li transdonas la pretigitan materialon al la Prezidanto.
DE JONG esprimas la ĝojon pro la progreso en Danio kaj laŭdas la Danojn.
BÜRGLER (Aŭstrio) opinias, ke en Aŭstrio oni ne bezonas fari la laboron ĉar ilia lingvo estas la Germana.
DE BRUYNE (Belgio) atendas nederlandan kaj francan eldonojn ĉar ilia lingvoj estas la franca kaj nederlanda. BOUWKAMP (Nederlando) ne povas transdoni konkretan laboron aŭ materialon. La materialo estas preta kaj grandparte ordigita sed ili devas atendi ĝis la Terminara Komitato estos preta. Li ricevis abundon da materialo sed la unua kaj plej grava tasko estas la eldono de terminareto kun 5000 vortoj laŭ la promeso en la antaŭa kongreso. LA PREZ. DE JONG: La laboro estas tempraba kaj malfacile estas trovi la ĝustajn personojn ĉar ili ne nur estu teknikistoj sed ankaŭ lingvokapablaj. La plej grava parto nun estas preta. La Esperantajn vortojn ni havas sekve la landaj kunlaborantoj nun povas traduki tiujn vortojn en siajn naciajn lingvojn. Tio ne estas malfacila, malfacile estas elketi la Esperantajn terminojn. Ni daŭrigu do la laboron kaj jam nun ni povas sciigi al altranguloj rezultaton.
THORSTED (Danio) ricevis multajn petojn de la membroj pri terminoj, bezonataj por la korespondado pri teknikaj temoj. Pro la preta laboro li povis helpi ilin. SEKEREŜ (Jugoslavio) rakontas pri propraj spertoj.
SIMON (Germanio) diras, ke en Germanio oni ne havas anstataŭanton por S-ro Pape. Li mem estas tro okupita pro aliaj laboroj.
F-INO LEMONNIER: En la Lindaŭ-a kongreso ni decidis traduki 5000 vortojn el la Teknika Fervoja Terminaro Franca. Tiu laboro estas preta kaj fine de tiu ĉi jaro ni povos eldoni ĝin. Vi jam nun povas mendi la pretan materialon ĉe kolego Tubbelier, kiu estas en la salono.
ZACCONI (Italio) atentigas, ke Quarone sendis la materialon al LOK.

La Prez. de Jong kun granda ĝojo konstats, ke la afero bonege progresis cijare ĉar ni baldaŭ povos eldoni terminaron kun 5000 vortoj. Al nia kolego Blondeaux ni ŝuldas sinceran dankon pro la persista laborado.
STAPEL (Nederlando) proponas elekti S-ron Blondeaux kiel Gvidanton de la T.K. kaj LOK aldonas, ke S-ro Lienhardt ne povas akcepti tiun taskon sed varme rekomendas S-ron Blondeaux. La Prez. esprimas la deziron transiri al la elekto de ĝenerala gvidanto kaj ĉiuj ĉeestantoj havas la saman opinion, ke la francaj kolegoj plenumis la plej gravan laboron kaj pro tio la gvidado restu en Francio. Unuanime ili petas, ke S-ro Blondeaux almenaŭ plenumu la taskon de gvidanto ĝis la venonta kongreso en Zürich.
Poste estis elektataj la landaj kunlaborantoj: Por Nederlando, Bouwkamp, Thorsted por Danio, Simon por Germanio, Örtengren por Svedio, Por Norvegio zorgos Thorsted se necese en kunlaboro kun kolego Carlsen, por Italio Quarone kaj Inĝ. Nanni, por Britio Parry.
LA PREZ. DE JONG: instigas la T.K.anojn kaj kunlaborantojn daŭrigi kaj pretigi la taskojn kaj tutcerte ni havos konkretan rezultaton en Zürich. Speciale li dankas la francajn kolegojn nome de ĉiuj kaj dank' al multe da energia laborado ni finfine havos terminaron en la venonta jaro.
Dankante ĉiujn ĉeestantojn pro la montrita intereso li fermas ĉi tiun gravan kunvenon.

## NIA KASISTO KVITANCAS

Danke mi konfirmas la ricevon de ĉi-subaj subtenoj, kiujn malavare sendis al mi:
G.Quarone, Milano 3.00; O.Ohlson, Ystad Svedio 5.00; Steidl, Aŭstrio 2.00; C.Meyer, Amsterdam 1.00; Fritzell, Svedio 1.00; J.Lok, Amsterdam 1.00; E.M.Rosher, Anglio 5.00; J.M.Robison, U.S.A. 1.00; M.Ehbauer, Munkeno 4.45; Pfeiffer, Aŭstrio 4.37; Himmler, Frankfurt am Main 8.70; Sveda Rondo 82.80; Svisa Rondo 30.45; Australia Rondo 8.25; Nederlanda Rondo 10.00; rabato vendita libro 1.90; tombolo en Verona 222.72.
Entute 392.64 nederlandaj guldenoj.

La Ĝenerala Kasisto
W.Biesheuvel.

## Alvoko

Laŭ decido de nia kongreso en Verona ni intencas kompili novan liston de LOKAJ REPREZENTANTOJ.
Tiucele ni invitas la anojn kiuj deziras reprezenti nian movadon en sia loĝloko, sendi poŝtkarton kun sia nomo, kompleta adreso kaj la eventuala deĵoradreso kun la telefona numero al nia sekretario J.LOK, ORTELIUSSTRAAT 108 III, AMSTERDAM-W.
La ĉefa tasko de la reprezentantoj estas doni informojn kaj konsilojn al IFEF-anoj, kiuj petas pri tio.
Ĉar plejofte la petoj venos de vojaĝemuloj, la reprezentantoj en plej grandaj urboj se eble formu ĉirkaŭ si malgrandan rondon el amikoj, kiuj pretas plenumi unu el la jenaj servoj:

a. gastigi IFEF-anojn kontraŭ modesta prezo,
b. akcepti " por la tagmanĝo,
c. inviti " por la vesperaj horoj,
d. gvidi " tra la urbo,
e. akompani " al teatro,
j. komplezi " per aliaj malgrandaj servoj.

Ĉar la antaŭa listo estas senvalora pro la multaj adresŝanĝoj, ankaŭ la malnovaj reprezentantoj denove anoncu sin.
La poŝtkarto enhavu nur la necesajn sciigojn; aliajn aferojn oni ne pritraktu sur la sama karto.

## EKSPZOCIO DE INFANDESEGNOJ

La franca sekcio de I.F.E.F. intencas organizi ekspozicion de infandesegnoj. Povos ĝin partopreni nur la infanoj de fervojistoj de la tuta mondo. La desegnoj temos nur pri fervojo (trajno, lokomotivo, stacidomo, ktp). La formato estu 25 x 31. La sendint(in)o indiku siajn nomon, antaŭnomon, aĝon, sekson, landon, kaj plie la oficon de la patr(in)o ĉe la fervoja administracio. La desegnoj (ne falditaj) estu ensendataj al S-ro GIOVENAL, VILLIEU (Ain), FRANCIO. La kolekton povos pruntedoni F.F.E.A. al aliaj sekcioj de I.F.E.F.

## FERIA SEMAJNO EN FRANCIO

Keil jam anoncite Franca Fervojista Esperanto-Asocio organizas ferian semajnon en la Kultura Esperantista Domo (Kastelo de Gresillon en Baugé). Ĝi okazos de la 11-a ĝis la 18-a de Septembro.
La programo enhavos ekskurson al la Kasteloj de Loire, viziton de la urbo Angers kaj akcepto de la tiea agema grupo, viziton al la fajencfabriko Malicorne, viziton de la urbo Saumur kun ebla vizito al la vinkeloj, kaj fine sur la reirvojo halto en Le Mans, kie la loka fervojista grupo organizos komunan manĝon kaj viziton de la malnova urbo.
Krom tiu distra porgramo la organizantoj celas doni al tiu semajno kulturan spiriton, kaj ili petas la partoprenantojn esti pretaj paroli (eĉ mallonge) unu vesperon pri sia lando, sia metio, ktp. Vespere oni vidos filmon pri fervojo, lumbildoj pri la IFEF-kongresoj, oni aŭdos skeĉojn, kantojn, muzikon, oni povos danci, unuvorte oni amuziĝos dum la Feria Semajno en Gresillon.
Ĉar ni ne povos akcepti ;li ol 50 partoprenantojn, oni devas sin anonci ANTAŬ LA 15-a DE JULIO al FRANCA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO, 11, RUE DE MILAN - PARI 9 - FRANCIO. La prezo estas: 5.500 FF ŜEN la ekskursoj.
La senpagajn biletojn oni petu de la limstacio al Angers, tra Paris, Le Mans, Baugé kaj reiro.
Sin anoncante bonvolu indiki ĉu oni estas lerta esperantisto aŭ komencanto.
Ni ne povos akcepti NE-esperantistojn (escepto estos farita koncerne la neesperantistajn edzinojn).
Ni petas la landajn sekciojn sendi fotojn kaj dokumentojn pri la fervojoj en sia lando; tiujn oni uzos por ornami la salonon.
Gresillon estu dum unu semajno vera fervojista hejmo!

## 10-a INTERNACIA JUNULAR-KUNVENO EN HILVERSUM (Nederlando)

Gejunuloj kaj amikoj de la junularo, ĉu vi scias, ke la 10-a Internacia Junular-kunveno de T.E.J.O. okazos venontsomere en Nederlando?
Delegitoj kaj izoluloj de dekduo da landoj partoprenos la *Malgrandan* kongreson, kiu okazos en Hilversum de la 24-a ĝis la 31-a de julio 1954 (do jus antaŭ la Universala Kongreso en Haarlem).
Hilversum, la nederlanda mondkonata Radio-centro, situas je 24 kilometra distanco de la ĉefurbo Amsterdam.

En la kadro de la kongresa semajno okazos i.a.: solena malfermo en la urbodomo, parolad-konkursoj, sportkonkursoj, esperantlingvaj Diservoj, kulturaj vesperoj, internacia balo, kaj interesplenaj ekskursoj al Amsterdam, Rotterdam, Den Haag kaj Madurodam, kaj la ĉiujara ĝenerala kunsido de T.E.J.O.
La kostoj por la tuta semajno (inkluzive de cio: loĝado, manĝoj, ekskursoj kaj aliaj aranĝoj de la Kongreso) estas 55 nederlandaj guldenoj por TEJO-anoj, kaj 60 guldenoj por ne-TEJO-anoj. (post la 15-a de majo 2.50 guldenoj pli). Aliĝilojn kaj ĉiujn aliajn informojn sendos laŭ via peto: la LOKA ORGANIZA KOMITATO, I.J.K., LOBELASTRAAT 4, HILVERSUM, NEDERLANDO.

* * *

Subskribinto dankas ĉiujn, kiuj sendis el la kongreso bondezirojn kaj salutojn al lia edzino.
Korpe ŝi estis en malsanulejo, sed spirite en Verona.

M.Demmenie.

# Konstruo de Abisenia Fervojo

*Verkis Inĝ. Jan Kalvoda; tradukis el la Ĉeĥa *eto*.*
*El: Zeměpisnýmagazin, jarkolekto III, n-ro 13.*

La rokoplena kaj sekega bordo de Franca Somalujo (en sud-orienta Afriko) estis por Francujo komence gardloko al la suda pordego, nome la markanalo de l'Ruĝa Maro; ĝia ĝusta signifo estis pritaksita nur post konstruo de la unusola fervojlinio, liganta Abisenion kun la marbordo. La malgranda kaj nefekunda kolonio kun malkonvena haveno fariĝis la centro de abisenia eksterlanda komerco.

En la dua duono de pasinta jarcento eliradis ĉiuj ekspedicioj al la regiono Ŝoa el la urbo Obok, situanta proksimume 50 km norde de Ĝibuti. Tiam temis pri trimonata marŝo, kiun kuraĝis entrepreni nur tre fortaj karavanoj, benege armitaj kaj akompanataj de fidindaj gvidistoj. La vojo en la montarfortikaĵon, kiun formas la lando de Abesinio, kaŭzis grandajn suferojn; manko de akvo, terura sunbrila varmego, la dezerto de Dankal kaj rabistaj gentoj parte detruis eĉ grandajn karavanojn, el kiuj multaj eĉ ne atingis la celon. Obok situis en la brulvarmigitaj rokegoj, suferis pro manko de akvo kaj estis malfacile atingebla el la kontinento; tial estis serĉata alia loko kaj estis elektata Ĝibuti, kiu havis iom pli facile suferreblajn klimatajn kondiĉojn kaj bonan fontakvon el la nemalproksimaj montoj. La pli facila atingeblo el la kontinento estis decida ĉe la elekto de fervoja elirstacio.

Ankaŭ en Abesinio la celstacio ne estis tute fiksita. En la regiono Ŝoa, ĉirkaŭ la nuna ĉefurbo, regis tiam juna kaj energia reĝo Menelik. Tiam Johano, la reganto en la regiono Tigré en norda Abisenio estis imperiestro, resp. *Reĝo de Reĝoj*. La regentoj de unuopaj regionoj estis subuloj de la imperiestro, sed ili obeis nur, se tiu venis frunte de fortaj militistaroj viziti ilin. Ribeloj kaj civitanaj militoj ne estis maloftaj.

Menelik estis - kompare al la tiamaj abesiniaj cirkonstancoj - homo tre progresema. Konstruoj, maŝinoj kaj translokiĝado estis liaj

pasioj. Lia origina sidurbo estis Ankober, proksimume 1000 km nordoriente de la nuna ĉefurbo. La loĝado en Ankober ne plaĉis al Menelik kaj dum siaj marŝoj li serĉis do novan loĝlokon. Fine li fikse restis sur montarmasivo de antoto super nuna Addis Abbeba, kiu estas 2.800 m alta, vipata de ventoj kaj suferanta pro arda sunbrilo. De tie ĉi li vojaĝis kun sia juna edzino Taitu al varmegaj sulforozaj akvoj: Fil-voha, kiuj fontas en la rondvalo sub Antoto. Taitu tre ekŝatis la plataĵon apud la fontoj kaj tial Menelik ne malproksime konseruigis domon al ŝi. Por si li ankaŭ konstruigis loĝejon, kvankam estis surloke granda manko de ligno. Menelikon loĝe sekvis tuta lia kortego, akompanantaro, soldataro, komercistoj kaj fremdlandaj delegitoj. La nova urbo elkreskis preskaŭ dum unu nokto, kaj Ŝaitu nomis ĝin: *Nova Floro* (Addis Abbeba). Vid'al vide de la imperiestra loĝejo (mi ne kuraĝas nomi ĝin palaco) sur la alia flanko de riveretvalo estis konstruita doganejo kaj ĉirkaŭ ĝi estiĝis post tempo foiro, kies movadon Menelik volonte observadis per teleskopo. De ĉi tie li memstare - ne respektante sian imperiestron ekrilatis kun eŭropaj ŝtatoj, al kies ambasadoroj li donacis grundojn ĉe la piedo de Antoto super rivero Kabana.

Rimarke mi aldonas, ke la transloĝiĝfebro de Menelik per la fondo de Addis Abbeba ne estis finita. Post kelkaj jaroj li fondis 50 km okcidente de Addis Abbeba urbon Addis Alen (nova mondo) kaj li volis transloĝi tien. Sed la reprezentantoj de eŭropaj ŝtatoj deklaris ke ili ne intencas transloĝiĝi kaj tial Menelik restis tamen fidela al Addis Abbeba. Tiam li estis jam Reĝo de Reĝoj post la morto de imperiestro Johano, kaj lia sidurbo do fariĝis ĉefurbo de Abisenio.

Imperiestro Menelik II tre bone konsciiĝis pri tio, ke bona kontakto kun la mondo estos utila al lia lando. Tial li klopodis plifaciligi la vojon al sia ĉefurbo. Li ŝirmis karavanojn per akompano, li klopodis centraligi la registaron kaj limigi la potencon de reĝoj tiel nomataj *rasoj* en unuopaj regionoj. Tiuj kompreneble rezistis kaj eluzis la rabemajn gentojn por malfortigi la potencon de sia imperiestro. Menelik - pli eble nekonscie - pleje malfortigis ilian influon la 9-an de marto 1894, kiam li permesis al inĝeniero Ilg (Svisano) kaj Chefneux (Franco) ekkonstrui fervojon el Ĝibuti al Antoto.

La s-roj Ilg kaj Chefneux fondis francan kompanion *Compagnie Impériale des Chemins-de-fer Ethiopiens* (Kompanio imperia de abisenaj fervojoj), kiu en la jaro 1897 ricevis de la franca registaro permeson konstrui fervojon sur la teritorio de Franca Somalujo.

La kompanio luktis komence kun financaj malfacilaĵoj, ĉefe tial, ĉar ĝi anstataŭ instigi la akciulojn al pago de promesita kapitalo, uzis mallongdaŭrajn pruntojn. Tiamaniere ĝi entute subiĝis sub la influon de angla kapitalo; la franca registaro, por savi sian influon, konsentis per la interkonsento en la jaro 1902, jaran subvencion de 500.000 frankoj, kiu estis subtenonta la finigon de la fervojkonstruo, kiu tiam atingis la lokon Diré Daŭa. La kompanio tamen daŭrigis prunte preni monon de Angloj kaj donis al ili garantie eĉ tutajn liniopartojn; tial la franca registaro deklaris bankroton de la kompanio. La konstruo estis interrompita kaj post longa traktado kun la abisenia registaro

per interkonsento de 30.1.1908 estis fondata nova kompanio *Compagnie des Chemins-de-fer Franco-Ethipiens de Djibouti à Addis Abbeba*. (Fervoja kompanio France-Abisenia de Ĝibuti al Addis Abbeba), kiu transprenis la rajtojn kaj devojn de la origina kompanio, kaj la taskon finkonstrui fervojon en la nova ĉefurbo. Menelik disponigis al la kompanio senpage grundojn, necesajn por la konstruado de la fervojlinio kaj ĝia apartenaĵo, kaj li devoligis sin malpermesi konstruon de kiu ajn konkuranta linio.

La konstruo de la fervojlinio, efektivigata sub gvido de Francoj tamen ne suferis nur pro manko de kapitalo; kiel pena kaj danĝera laboro estis farita pruvas tomboj, kiuj borderas la liniojn.
Ne senkaŭze oni diras, ke ĉiu kilometro de la konstruo estas pagita per vivo de unu blankulo. La akra sunbrila varmego, la manko de akvo, kiu devis esti alportata de 30-50 km-a distanco, la atakoj de Issoj, Somaloj, Danakiloj, reakciaj pastroj kaj lokaj regantoj, kiuj sentis komencon de perdo de sia regado, ĉio mortigadis blankajn gvidantojn kaj nigrajn laboristojn. Malantaŭ Diré Daŭa aperis nova malamiko: malario kaj diversaj epedemioj. Malfacilaĵoj kaj malhelpaĵoj amasiĝis, sed la konstrugvidantoj bataladis kaj konstruadis.
La unua mondmilito, manko de materialo kaj de laboristoj, teknikaj kaj terenaj malhelpaĵoj, profundaj rivervaloj kaj kruda vojleviĝo - ĉio tio ne malesperigis la bravajn korojn, kiuj konstruadis al Abisenio ponton al la civilizacio. Dum pluvsezonoj akvoamasoj elŝiregis tutajn kilomerojn de la fervojlinio, kies suba konstruaĵo ne estis kaj ne estas perfekta, ĝi detruis pontojn, sed la vola forto de eŭropanoj venkis eĉ la naturon. Viadukto 115 m longa super 80 m profunda valo de la rivero Havaŝ - impona verko teknika - transvolbis la plej grandan naturmalhelpaĵon. Fine la 7-6.1917 en Addis Abbeba estis muntitaj la lastaj ŝpaloj kaj la fervojlinio, 784 km longa, estis preta.
En la jaro 1929 estis en Addis Abbeba inaŭgurita bela stacidomo.

La fevojlinio de etspuro (mallarĝa reldistanco) estas ekipita por ekspluato de 4 trajnoj dum tago, kaj ĝi havas kapaciton de 350.000 ĝis 400.000 tunoj da komercajoj dumjare.
La reloj estas fiksitaj sur feraj ŝpaloj 20 - 25 kg pezaj; ekzistis danĝero, ke termitoj dismordos lignajn ŝpalojn. Feraj ŝpaloj male logis rabemajn gentojn al atakoj, ĉar fero estis en Abisenio serĉata por fabrikado de lancoj kaj glavoj.

Normalaj trajnoj veturas en tritagaj etapoj. La unua estas ĝis Diré Daŭa, la dua ĝis Havaŝ, la tria ĝis Addis Abbeba.

Menelik II ne ĝisvivis la finkonstruon de fervojo; li mortis la 12-an de decembro 1913. La verko, al kiu li dediĉis siajn intereson kaj subtenon, tamen alportis al lia lando ekonomian prosperon kaj ebligis al ĝi partopreni aktive la kunlaboron kun ceteraj nacioj.

* * *